UNUA JARO. — N° 12. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 19 NOVEMBRO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
**S° Paul BERTHELOT**
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : **3** fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : **24** fr. nur en Francolando.
Luksa eldono, 12 n-roj. **4** fr.

REDAKTADO :
**S° Ch. LAMBERT**
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

REKLAMO-ANONCOJ
**Agento Ĝenerala : S° EMILE GASSE**
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

**REKLAMO EN JENAJ REVUOJ KAJ GAZETOJ :**
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, kc., kc.*

*La numero* **13** *de* **Esperanto** *eliros*
*DIMANĈO 3 DECEMBRO*

## LA TROUZADO DE LA ORDONA MODO

### Per Francaj Esperantistoj

La enkonduko de la termino *subjunktivo* en esperantaj gramatikoj jam kaŭzis grandan konfuziĝon inter anglaj esperantistoj.

Pro la fakto ke iafoje la ordona modo ankaŭ tradukas ian subjunktivan formajon en la franca lingvo oni komencis ne nur novebapti ĝin, sed eĉ ataki la netuŝeblan fundamenton de nia lingvo per la danĝera propono tranĉi la modon en du kaj krei du tute malsamajn modojn el ĝi.

La fakto, ke nacilingva subjunktivo hazarde estas ankaŭ iafoje tradukebla per la esperanta ordona modo ne rajtigas nomi ĝin *subjunktivo*.

Esperanto estas kaj devas ĉiam resti lingvo tre facila por homoj nemulte instruitaj.

Tamen nia lingvo ankaŭ povas kontentigi la plej gradan postulemon de leĝaj sciencistoj en liaj dokumentoj kaj precipe pro la perfekteco de ĝia konjugacio, kiu « esprimas ĉiujn mankojn de la penso senkompare pli bone kaj pli *precize ol la plej komplikitaj kaj konfuzitaj* tabeloj de la lingvoj naturaj » (v. Krest. p. 290).

Se la kunteksto ne necesigas precizecon, precizeco ne estas bezonata kaj malĝusta uzado de la ordona modo ne malhelpos la kompreniĝadon.

Tamen por esti kapabla esprimi per la ordona modo « ĉiujn nuancojn de la penso » oni nepre devas fundamente ĝin koni kaj ĝin uzi en ĝia ĝusta loko, ĉar la neuzo kaj la malĝusta uzo kaŭzas malkompreniĝon.

Jam de longe forjetinte el sia lingvo kiel superflua kaj nebezonata la subjunktivon — ĝis tre malgrandan restaĵon — la angloj komprenas du naturon de la ordona modo eble pli bone ol niaj francaj amikoj, kaj sajnas esti konfuzataj per la diverseco en la uzo de la francaj subjunktivoj.

La esperanta ordona modo respondas akurate al la subjunktivo de la estanta tempo en la lingvo latina, kiam ĝi estas uzata optative (potentialis) kiel ekzemple en la citajoj : « videant consules, audiatur et altera pars, sit venia verbo, ktp. » (Veniat, li venu, qu'il vienne, let him come, lass ihn kommen).

Per simpla forlaso de la persona pronomo *vi* (ci) fariĝas la imperativo de la naciaj lingvoj.

Logikece ordona modo estas modo kiu postulas la verbon en formo esprimanta ordonon.

Ordonon oni povas klarigi kiel pli au malpli fortan esprimadon de volo au deziro.

Konjunktivo aŭ subjunktivo estas modo dependa de konjunkcioj aŭ verboj esprimantaj kondiĉon, hipotezon aŭ eventualecon kaj ĝi okazas en ĉiuj tempoj escepte la estonteco.

Se mi diras : « foriru, kuru, diru » kie estas la kondiĉoj kiuj karakterizas la subjunktivon ?

Ne estas ia dubo, ke tiel uzata la finiĝo *u* servas por formi la imperativon.

Ĉu la ordona modo povas esti distranĉata en du diversajn modojn ? Ĉu la finiĝo *u* estas intencata por la formado de 2 malsamaj modoj ?

Oni ne povas nomi la ordonan modon imperativo kaj samtempe ankaŭ subjunktivo.

La vorto *subjunktivo* jam kaŭzis multe da konfuzo inter anglaj esperantistoj, ĉar oni opiniis, ke la ordona modo nu nur servas por traduki la imperativon, sed ke per ĝi estas enkondukita en nia lingvo la franca subjunktivo en sia tuteco.

Se por konformiĝo al nacilingvaj gramatikoj estas bezonata alia signifajo ol *modo ordona* estus eble bona ĝenerala nomo *Optativo* ĉar per ĝi oni konigas kaj esprimas volon kaj deziron.

Se mi ordonas (décréter, f., ordain, a., anordnen, g.) — ĉu ĝentile (pete, konsile, propone, ktp.) ĉu malĝentile (ordone, malpermese.) mi devas meti la verbon en ordonan modon.

El tio sekvas ke — krom por traduki la imperativon — ĉiam, estas postulata tiu ĉi modo ankaŭ :

1e) post la konjunkcio *por ke* (afin que, pour que, f. ; that, in order that, a. ; damit, g.), ĉar per sia naturo ĝi montras intencon volan aŭ deziran.

2e) post la konjunkcio *ke* se la verbo de la ĉefa frazo esprimas deziron aŭ volon, ĉu pete, ĉu ordone.

3e) post la konjunkcio *ke* se la frazo mem jam per sia naturo estas esprimo de volo, deziro ktp.

Ekzemple komparu :

Estas necese ke mi parolas — estas parolanta. (Mi jam estas parolanta kaj certigas la necesecon).

Estas necese, ke mi parolu. (Mi ne jam parolas, sed intencas paroli kaj esprimas tiun ĉi deziron).

Estis la devo de la patro, ke li punis sian filon. Estas nia devo, ke ni ĉiuj ĉeestu.

Konvenas ke vi min vizitas, ke vi min vizitu. Ne decis, ke vi ridis. Decas, ke vi silentu !

Li meritas, ke oni lin pendigu. Li meritis, ke oni lin pendigis. Li meritas, ke li estas malŝatata — estu malŝatata.

La sekvantajn ekzemplojn mi ĉerpis el Hamleto de D^ro Zamenhof. La numerojn elmontras la paĝojn :

Mi esperis, ke nia trupo estas ŝufiĉe libera de tiaj mankoj (81).

Mi esperas, ke ĝi bone fruktos (43).

Mi konsentas, ke la krimulo en nenia loko rifuĝon devas trovi (139).

Mi konsentas, ke mi uzis... (51).

Mi timas, ke vi faras kun mi ŝercojn (170).

Estas eble, ke vi scias (162).

Cu ne estas eble ke ni kompreniĝadu (162).

Diru al mia patrino, ke mi tuj venos (96). Ne diru, ke li estas (42).

Mi zorgos, ke ili ne venu tien ĉi (166).

Vi skribis, ke retenu li la nevon (10).

Prezentu liajn mankojn, ke ili aperu (42).

Sia patro kaj mi staros nun tiele ke nevidataj mem, ni ĉion vidu (73).

Vi aranĝos tiel, ke vi batalos ambaŭ (140)

Francaj esperantistoj, komprenеble, ne pekas kontraŭ la 2 unue citita regulo, ĉar ankaŭ en la franca lingvo la konjunkcioj *afin que, pour que* kaj la verboj kiuj esprimas volon, deziron, aŭ iliajn malajojn, ĉiam postulas la subjunktivon.

Estas tamen la verboj esprimantaj dubon, esperon, surprizon, ĝojon, timon ktp. kaj la verboj kiuj esprimas necesecon, devon, konvenon, decon ktp. (ĝenerale nepersone uzataj : il faut, il convient, il est temps, il importe, ktp). aŭ iliajn malajojn, kiuj evidente kaŭzas konfuziĝon kaj malfacilajojn ĉe niaj francaj amikoj, sendube, pro la fakto, ke tiuj ĉi verboj en la franca lingvo ankaŭ ĉiam postulas la subjunktivan modon.

Se ne eĉ ereto de ordona naturo aŭ de ideo dezira aŭ vola povas esti trovata en la uzo de tiuj ĉi verboj francaj, esperantistoj ofte uzas post ili la ordonan modon tute ne rajtigitan.

Sendube ili estas eraren gvidataj per la uzado de la subjunktivo en sia propra idiomo, kiun ili senpripense imitas.

La supre cititaj verboj tamen postulas la modon ordonan nur, se la dependa frazo mem, estas esprimo de intenco, deziro aŭ volo.

Alie devas esti uzata la indikativo.

E. ĈEFEĈ.

## DIVERSAĴOJ

### Grupo de Vesoul

Ĉiusemajne fariĝas du kursoj : elementa senpaga, kiun S^ro Maigniez, profesoro ĉe la liceo, prenas sur sin (de la 8^a de Novembro), kaj supera por la grupanoj kiun faras S^ro Mossmann, same profesoro ĉe la liceo (de la 10^a de Novembro). La kursoj okazas, kiel en la pasinta jaro, en ĉambrego de l'urbdomo afable pruntita de l'urbestro S^ro Chaudey, nia honora prezidanto.

Je la fino de septembro S^ro John Busuttil, fervora esperantisto el Malto, bonvolis fari al ni tre plezurigan viziton, malfeliĉe tro mallongan, dum niaj grupanoj ĉeestis tiun pruvon de l' taŭgeco de la lingvo internacia, kaj povis paroli kun nia afablega gasto. P. M.

### Esperanto ĉe Framasonoj

Oni sciigas al ni ke la en la Boulogne kongreso kunvenintaj framasonoj ĉiunaciaj fondis klubon *Espero ∴ Framasona*, kiu laŭ la publikigita deklaracio celas, ne fondi novan riton, sed :

1. Kunigi la diverslandajn framasonojn esperantistajn.
2. Alvarbi esperantistojn al la framasonaro kaj reciproke framasonojn al esperanto.
3. Forigi malkonsentojn kaj antaŭjuĝojn inter la diversnaciaj kaj diversritoj FF∴ dank' al la scio de l' helpa lingvo Esperanto.

La provizora oficistaro konsistas el du Francoj, unu Anglo, unu Germano.

(*El Germana Esperantisto,* kaj privata letero al ni sendita).

### SONETO AL ZAMENHOF

(PRI LA INDIFERENTULOJ)

Kiel vidiĝas de monto
Nuboj matenaj kaŝantaj
Sunon ĉe la horizonto
Kvankam mallumon sekvantaj,

Tiel indiferentuloj
Kovras duone pensajon
Kiu de la nekonuloj
Venkis eĉ la malhelajon.

Sed el la nuboj matenaj
Suno sin montros brilanta
Kvazaŭ el ŝtofoj kurtenaj

Kaj Esperanta forteco
Homojn mirigos lumanta
Super indiferenteco.

AJNO.

31 oktobro 1905.

### En Nantes

Sinjoro Doktoro Saquet antaŭ kelkaj tagoj faris paroladon en Nantes, ĉe la Akademia Societo, pri la kongreso de Boulogne. Tio interesis treege la membrojn ĉeestantajn, kaj la prezidanto komandanto Riondel, lingvisto distingita, insistis pri la mirinda strukturo kaj facileco de esperanto.

Z. (de Nantes).

S. Camille LARCHEVESQUE, 2, rue du Cimier, Tours, deziras havi adresojn de fremdlandaj Esperantistoj kiuj volus rilatiĝi kun la grupo de Tours, kies li estas membro.

### Bona Propagando

Ĉiutage la gravega jurnala angla *The Daily News* akceptas artikoleton *en Esperanto*. En la numero je 14 oktobro, ĝi presigis la jenan leteron :

Dum la glora kongreso de Boulogne, mi partoprenis al la ekskurso en Anglujon, kie la kongresanoj mirinde estas akceptitaj de la loĝantaroj de Folkestone kaj Dover. Bedaŭrinde malgraŭ ĉiuj miaj penoj por uzi kelkajn anglajn vortojn, mi ne sukcesis min kompreniĝi en la hoteloj, magazenoj k. t. p. Aliparte la hotelmastroj kaj la vendistoj ne estis pli feliĉaj ol mi, volante paroli france. Tiu-ĉi malfacilajoj kaj malagrablajoj pri la manĝo, la kuŝiĝo, la aĉeto, okazis certe ĉe multe da aliaj fremduloj.

Tial mi esprimos deziron tre facile efektivigotan, kaj la gravega jurnalo *The Daily News* povas multe fari pri tiu-ĉi afero. Nur necese estus ke, en ĉiuj grandaj urboj anglaj kie vojaĝas multego da alilanduloj, oni povu trovi kelkajn hotelojn kaj magazenojn esperantistajn. Sajnas al mi ke tio postulas malmulte da tempo, malmulte da lernado. Kontraŭe tio produktos multe de ĉiuspecaj servoj.

Anstataŭ malbonigi la lingvon anglan kaj la lingvon francan, oni parolu en *Esperanto* kaj oni kompreniĝos.

Profesoro BORD.

**Al S^oj Sekretarioj de Grupoj.** — Kelkaj grupoj — precipe tiuj de la S.f.p.E. — ne estas sufiĉe riĉaj por aĉeti *Esperanto* laŭ la kondiĉoj de la unua cirkulero. Tamen ili bezonus la gazeton, ĉu por propagando, ĉu por siaj kursoj kc.

La sukceso de nia gazeto permesas al ni fari al ili multe pli bonajn kondiĉojn de vendo, t. e. ke ni faros al ili rabaton da 30 0/0 por kvanto minimuma da 10 ekzempleroj ; afrankite super 100.

Se tamen ili ne volas riski la nevendadon, ili volu nin rilatigi kun la jurnalvendisto de ilia urbo al kiu ni faros proponojn de vendo kondiĉa.

Por ricevi bonan sukceson, estas konsilinde anonci en lokaj gazetoj la daton kaj lokon de vendo de nia propaganda jurnalo.

## DILPOK

Multaj esperantistoj sendube ricevis la jenan noton. Ni ĝin tradukas sube por tiuj kiuj ne komprenas la francan lingvon :

*LEGU, KOMPARU !*

LERNAL (lernolibro). — Lingvo internacia en ses lecionoj, de Pastro Marchand, filologo. — (Nova eldono 0,60, afrankite. — Grandaj rabatoj prograndе).

Nia nova metodo de lingvo helpa internacia jam aligis al ni altedevenajn kaj multavalorajn kuraĝigojn. Sufiĉos ke ni citos tie-ĉi, diskrete, leteron inspireman de eminenta profesoro de katolika Universitato.

L.... la 25an de marto 1905a.

Mi nepre ricevis la « Lernal » (lernolibro) kiun vi sendis al mi kaj vin dankas kore pro ĝi. Kioman laboron kostis al vi la konstruado de l'DILPOK, kioman lertecon ĝi montras, facile permesas diveni la simpla kaj eleganta rezultato, kiun vi atingis.

Leginte kaj releginte vian libreton, mi restas konvinkita, ke via lingvo « marchande'a » superas efektive, (tiom, kiom mi kapablas prijuĝi), la ceterajn lingvojn internaciajn. — Ĝi ilin superu ankaŭ per konateco kaj divastiĝo ! Car mi certe ne sciigos vin ke, se iu aŭ alia el tiuj interesplenaj kaj utilaj provoj estas iam sukcesonta, ĝi ŝuldos sian sukceson nur al la supereco super siaj konkurantoj, sed al pli agema reklamo.

Penadu do por propagandi Dilpok, se vi volas ke ĝi iru tre antaŭen...

Cetere mi vidas (almenaŭ tie-ĉi) ke nur Esperanto povos konkuri la unuan lokon, ĝuste ĉar iuj el ĝiaj adeptoj multe klopodas por ĝin konigi kaj disvatigi. Mi tute nesciis la realan rezultaton de tiuj klopodoj : sed estu vere domaĝe, se DILPOK trovus okupita tiun lokon, kiun ĝi rajtas havi kaj kiun li atingus, mi kredas, se ĝi estus pli konata.

Kredu... ktp,..

Dro H. E.

Jen nun specimeno de Esperanto. Ĝi estas portreto mem de l'elpensinto, kiun publikigis liaj adeptoj, okaze de sia kongreso :

*Imagu vi malgrandan viron, maldikulon kaj nervulon, kies la gestoj estas precizaj, kaj mezuritaj la vortoj, viron samtempe timeman kaj voleman, grandan scienculon kaj prudentemulon, kaj vi konos unu el la nuntempaj famehonitaj viroj : la doktoro Zamenhof, el pensito de Esperanto.*

Kio nur signifas, en DILPOK :

*Fanse an lid man, seçid et nervosid, precid in gest, mesid in vorts, timid et samé volman, bedoktid et sesed, et vi keno an celebrid modern : le doctor mediker, invenor of Esperanto.*

Kiel oni vidas, DILPOK estas eklektika lingvo. Gi estas tre simpla aplikajo de

ĝenerala gramatiko, kiu povas utili kiel antaŭparolo je la lernado de niaj klasikaj lingvoj.

P. S. — La aŭtoro konsentus instrui mem siajn lecionojn.

Betoncourt-les-Ménétriers, (Hte-Saône).

Ĉu tiu specimeno ne estas alloganta ?

Esperantigis; G. C. 12. 303.

## EKZERĈOJ

Laŭ la peto de kelkaj amikoj, ni komencas hodiaŭ la publikigon de ekzercoj kiuj helpos la lernantojn esperantistajn familiariĝi knn la lingvo esperanto aŭ perfektigi sian konon. La francan tradukon oni trovos en la alia parto de la ĵurnalo : tiamaniere la lernantoj evitos la tenton rigardi tro frue, antaŭ la peno farita ; la tradukon kiun ni proponas.

La komencantoj legos unue la esperantan tekston por transmeti ĝin en franca lingvo. La pli progresintoj faros la malan ekzercadon kaj penos traduki la francaĵon en esperanto.

### EN VOJO

A. — Bonan tagon, Bernardo.

B. — Mi salutas vin (aŭ saluton), Alfredo.

A. — Tial ke vi konsentis akompani min dum mia vojaĝo, ni ekveturos hodiaŭ.

B, — Jes, ni foriras. Vivu la vojaĝoj, vivu la vagonaro, vivu ĉio !

A. — Ĉu viaj pakaĵoj estas pretaj ?

B. — Jes, jen ili estas.

A. — Kiom da pakoj ! Du vestokestoj, unu noktosako, unu ĉapelskatolo, tri bastonoj, kvar paketoj, unu pafilo kaj du turkaj pipoj ! Kial, diablo ! tiu ĉi ilaro ?

B. — Tial ke ĉio al mi estas necesa.

A. — Eĉ la pafilo ? Vi do intencas pafi ian akciziston ĉe la landlimo ?

B. — Sercemulo ! Mi volas ĉasi kelkajn kapreolojn en Bavarujo ; oni diras ke tiu lando estas tiel ĉasoriĉa !

A. — Vi havos tie multajn aliajn aferojn farotajn. Lasu la tri kvaronojn almenaŭ de ĉio tio ĉi. Vi forgesis, malfeliĉa, ke sur la germanaj fervojoj, oni ne rajtas transportigi ian pakaĵon senpage. Mi kunportas nur mian valizon ; mi preferas aĉeti kelkajn vestopecojn dum la vojaĝo.

B. — Vi estas prava, kaj mi malprava. Kioma horo estas ?

A. — Unu kvarono de la sepa.

B. — Nu ! je kvardek minutoj de la sepa, mi estos malplipezigita tiun ĝenantan provizon de iloj ĝis unu valizo tiel modesta kiel la via.

A. — Perfekte ! Atendante, donu al mi la horlibron de la fervojoj, por ke mi informiĝu en ĝi.....

* * *

B. — Estas finite ! Kaj la duono de la sepa horo sonis jus.

A — Mi gratulas vin Ni vojiru al la stacidomo. Ni uzos la tramvojon.

B. — Jen staras tie ĉi la konstruaĵoj de la stacio. Kuru ni al la kaso por niaj biletoj.

A. — Du biletoj de dua klaso al Strasburgo, ne forgesu.

B. — Kion taŭgas rememorigi ĝin al mi ? Mi ne havas memoron leporan. Atendu min por la pakaĵoj. Ni registrigos ilin por la landlimo Almenaŭ tio ĉi estos gajnita.

A. — Mi sola okupos min pri tio ; ili ne estas embarasantaj ; ni ne havos tropezon pagotan.

B. *(al oficisto).* — Ĉu la rapida (vagonaro) al Petit-Croix estas jam en la stacio ?

OFICISTO. — Jes, sinjoro ; ĝi forveturos post dek minutoj.

B. — Mi iras al la biblioteko de la fervojo por aĉeti *Esperanton*, kiu nin distros dum la vojaĝo.

A. — Iru ni rapide tra la atendejo al la enveturejo

B. — Kiom da reloj estas en tiu ĉi stacio !

A. — He ! dufoje pli multaj ol vojoj.

OFICISTO. — En vagonon ! (envagoniĝu !) sinjoroj

A. — Ni serĉu vagonon ne tro okupitan.

B. — Tiu ĉi fako estas malplena.

A. — Eniru ni, kaj ĉiu el ni elektu angulan lokon.

B. — Jen venas la luigisto de kapkusenoj. Ĉu vi luas unu ?

A. — Certe, kaj mi prenas ankaŭ unu kovrilon. La noktoj estos malvarmetaj en la ĉirkaŭaĵo de la plataĵo de Langres, kiam oni tien alveturos je la unuaj horoj de la mateno, antaŭ la leviĝo de la suno.

B. — Oni fajfas por la ekiro, Kiel longa estas l'aro de l'vagonoj !

A. — Ne metu vian kapon ekster la pordofenestro.

B. — La vento albiovas polvon de karbo en mian vizaĝon.

A. — Sidiĝu ĉe alia flanko ; se vi iros returne, vi ricevos malpli.

B. — Vojgardisto faras signalojn, kaj la vagonaro haltas. Nun ŝajnas al mi ke la lokomotivo elreliĝas kaj ke la kaldronego perdas vaporon per la klapoj.

A. — La timo igas vin vidi multajn aferojn. Reale la maŝinisto premigis la haltigilojn, ĉar ni proksimiĝas al la stacio.

B. — Kio estas tiu nigra faŭko kiun mi ekvidas tie ?

A. — Estas tunelo.

B. — Mi ne amas traveturi la tunelojn.

A. — Ni trairas tre belan regionon. Kia pejzaĝo !

B. — Jes, valoj, montetoj, riveroj, kampoj, vinberejoj, herbejoj kun bovoj, ŝafoj.....

A. — Bestoj ĉiaspecaj, enhavante nin.

B. — Dankon. Rigardu do la belegan vojponton (viadukton). La vagonaro malrapidiĝas por ne jeti sin en la abismon, kiu kaviĝas sub ni.

A. — La vagonaro haltas. Ni alvenis en Chaumont. Dum la vojanĝantoj al Blesmes transvagoniĝos, ni elvagoniĝos kaj marŝos en la bufedon.

B. — Tio ne estas rifuzota. Mi tre malsatas.

## BIBLIOGRAFIO

*Proverbaro Esperanta.* — Tiu nova verko, kies eliris ĝis nun du unuaj kajeroj, estas aldono de *Frazeologio rusa-pola-franca-germana.* Frazeologio kaj Proverbaro havas kiel aŭtoron S-ron F. Zamenhof.

Ili estas kolekto tre riĉa en kvin lingvoj (komprenante la parton esperantan) de proverboj kaj frazeroj, metitaj en alfabeta ordo laŭ la rusaj ĉefaj vortoj.

Mi nenion povas diri pri la partoj rusa, pola kaj germana, sed mi iom parolas pri la franca kaj esperanta.

Se la Germanoj kaj eble multaj aliaj popoloj tre ofte en la interparolado ĉiutaga uzadas proverbojn aŭ kvazaŭe stereotipajn frazojn, la nunaj Francoj, mi devas ĝin konfesi, havas ne tre multe da ili, kaj eĉ oni rimarkis ke ju pli la tono de la stilo franca altiĝas, des pli la skribanto aŭ parolanto evitas la proverbojn. Franca proverbo ŝajnas preskaŭ ĉiam familiara. Kaj pro tio la nombro de la francaj proverboj, kies plimulto ekzistas nur en la malnova literaturo, fariĝas pli kaj pli malgranda.

La proverboj francoj, kiujn Sro Zamenhof kolektis, ŝajnas al mi tre bone efektitaj kaj tre ĝuste komprenitaj. Tamen mi devas diri ke, almenaŭ laŭ mia scio, kelkaj el ili falis el la kutimo. Ekzemple : *dépouiller le vieil Adam* apartenas nur al la eklezia lingvo, kaj kiom de Francoj povus diri precize kion ĝi signifas ? Kaj ĉu estas multaj Francoj kiuj konas tiujn ĉi : Il s'y entend comme une chèvre sur une horloge. — Face d'homme porte vertu. — A beau jeu beau retour. — Des mains vides, vide prière. — Autant dépense chiche que large. — C'est du pain bien long (mi ne komprenas). — Ce qui vient du flot s'en retourne par la marée. (Oni diras : Ce qui vient de la flûte, s'en va par le tambour, kiam oni ĝin diras). — Battre sa femme, c'est frapper un sac de farine. — Le Français est sage après le coup (1), ktp.

Eĉ kelkaj bezonus komentarion filologian por la plimulto de l'Francoj, se ili volas esti komprenitaj, ekzemple : *Ire* de frère, *ire* d'enfer. — Les chevaux courent les *bénéfices* et les ânes les attrapent. — Trois font *chapitre.* —

Au riche homme souvent sa vache vêle
Et du pauvre *le loup le veau* emmène.

Tiu ĉi odoras la mezepokon (moyen-âge).

Sed kun granda plezuro mi retrovis en la verko de Sro F. Zamenhof vere vivantajn kaj eĉ ofte uzatajn proverbojn kaj frazerojn : Il n'y a que le premier pas qui coûte. — On ne saurait faire boire un âne s'il n'a pas soif. — Si jeunesse savait, si vieillesse pouvait. — Il ne faut pas se moucher plus haut que le nez. — Bonne renommée vaut mieux que ceinture dorée (jam malnovetiĝinta). — Il faut faire contre mauvaise fortune bon cœur. — Un bon averti en vaut deux. — Tirer le diable par la queue. — Il ne se mouche pas du pied. — Jeter de la poudre aux yeux. ktp., ktp.

Car Sro F. Zamenhof verkis tre konscience kaj science.

La esperantaj proverboj estas tute novaĵo, kaj bona faritaĵo. Ne nur ili ĉiaj estas ordinare tre kompreneblaj kaj klaraj, sed mi admiris ke kvankam tradukante precize, ili estas aŭ rimitaj aŭ elegante ritmitaj. Mi ne malcedas al la deziro citi kelkanj :

Kiu rabi eliras, ofte nuda revenas.
Hazardo estas malbona gardo.
Espero panon ne donas.
Malpli esperu, pli konsideru.
Se forestas la suno, sufiĉas la luno.
Koro tro plena — buŝo parolas.
Ne iru fadeno antaŭ kudrilo.
Plumo ne sentas, papero silentas.
Gi estas por mi volapukaĵo.
Venkas ne forto, venkas la sorto.

Tamen mi ne tuj ekvidos la sencojn de malmutaj, kiel :

Plej granda potenco kuŝas en la komenco.
Kvitiĝas servo per reservo.
Malsanan demandu, al sana donu.

Sed mi estas franca, kaj mi diris ke la Francoj ne ĉiam komprenas la proverbojn.

CH. L.

(1) Antaŭ kelkaj tagoj, Pola sinjorino citis al mi tiun ĉi proverbon, aldirante ke ekzistas simila en pola lingvo. Mi konfesas ke ŝi devis klarigi ĝin al mi ; mi aŭdis ĝin unuafoje.



## POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj au makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono, intenca perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankite ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUAELEKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 jurnaloj.) | 2 50 | 4 »» |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 jurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 jurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 4 fk., poŝto plie.



tio ĉi ? nenies, aŭ se vi volas - ; - manoj kunligiĝas.

**ĉifi 2** malgladigi, ĉifonigi = bule - paperon ; - robon ; li ĉifis mian kolumon tiel bone gladitan.

**ĉifono -aĵo :** malnova peco de teksaĵo, ĉifaĵo | **-ulo :** vestita je - j | **-isto :** komercisto de -j.

mb. : ornamaĵo, galanteriaĵo ; oni trovas eĉ : ĉifonujo (t.e. kesto por ĉifonoj) en senco de : ŝranketo por galanterioj !

**ĉikani ?** akre riproĉi pro malgravaĵo = la pordistino -as kun la servistinoj pri ĉiuj faroj de la mastro.

**ĉio** ĉiu aĵo, la tuto = ĉio, kio havis komencon, havos finon | kompone : ĉiopova, ĉiovida, kc.

**ĉirkaŭ** prep. ; oni diras ke kelkaj punktoj estas - alia, kiam tiu lasta estas interne de la linio kiu ilin kunligas ; tiu prep. utilas :

1e por montri eston aŭ agon okazatan ĉirkaŭ io = muro staras - la urbo ; la tero rondiras - la suno ; meti zonon - si | kompone : ĉirkaŭaĵo ; ĉirkaŭi, -kuŝi ; -ligi, -meti, -mordi, -preni, -rigardi (rig. ion je ĉiuj flankoj), -volvi, kc.

2e por montri agon efikatan de io sur la objektoj apudaj ĉirkaŭ ĝi = li rigardis - si, fari ombron - si, semi la teruron - si | kompone : ĉirkaŭagi, -lumi, -ordoni, -rigardi, -ŝpruĉi, kc.

Rim. — Kun la verboj 1 komponitaj per ĉirkaŭ, kiam la prepozicio uzota estas ĝuste -, oni uzas *akuzativon sen prepozicio* = fosaĵo -as la urbon ; la pastroj -saltis l'altaron

**ĉiu** adj. iu ajn el la konsideratoj, neniu esceptite = ĉiu homo estas mortonta | **ĉiuloke :** - ajn loko | **ĉiuokaze :** laŭ - okazo : li rakontas -okaze strangajn aventurojn | kompone : ĉiujara, -monata, -semajna, -tago, -minuta, -momenta, kc.

**ĉizi ?** entranĉi per ĉizilo | **-ilo :** peco de ŝtalo kies fino estas akrigita laŭ linio kaj kiu utilas por entranĉi en ŝtofoj malmolaj : marmoro, metaloj, ligno = rekta, duonronda -ilo ; -ilo de meblisto, de skulptisto, de juvelisto, kc.

**ĉokolado** nutra komponaĵo de kakao kaj sukero.

**ĉu** adv. ; montras demandon.

Oni ordinare ne uzas ĉu kun rilataj pronomoj uzataj kiel demandaj, sed oni uzas ĝin en ĉiuj aliaj okazoj demandaj ; oni ĝin lokigas, se bezonas, *antaŭ* la vorto pri kiu estas aparte demandite ; ekz. : ĉu *vi* lin vidis ? — ne mi, sed aliu ; ĉu *lin* vi vidis ? — ne li, sed aliun ; ĉu *vidis* vi lin ? — mi ne lin vidis, sed oni tion diris al mi, kc.

**D (do)** konsonanto denta plaŭda-sona | **D :** nomo de tonoj kies nombro de vibroj estas 292 aŭ duobloj posekunde.

**da** prep. ; montras rilaton de kvanto.

Oni uzas *da* post vortoj havantaj sencon de kvanto :

1e ĉu propra sence, kiel : kvanto*, multo, amaso*, aro, — iom, kiom multe, kelke, sufiĉe, tro, — deko, cento, milo, — nomoj de mezuroj : amplekso, longo, areo, vasto ; metro, gramo, litro, funto, kc. — daŭro*, k.a.

2e ĉu okaze uzataj kiel mezurilo : glaso, plenmano, bobeno, pakaĵo, kc. En ĉiu okazo, laŭ tio se, en penso, la unua vorto celas determini *kvante* la duan, oni uzas post ĝi la prep **da ;** se male oni celas determini *kvalite* per la dua vorto la diritan kvanton, oni uzas la prep. **de.** Tial oni trovas samtempe : amaso *da*, aŭ *de* brutoj ; sumo *da*, aŭ *de* mono

Ekzemploj : mi petas de vi pecon *da* pano, donu al mi peceton *de* tiu ĉi kuko ; glason *da* vino li vendas 10 cmojn, glason *de* teo mi ŝatas post manĝo ; tio havas valoron *da* unu franko, la valoro *de* ŝilingo superas la valoron *de* franko ; duono *da* rublo, la duono *de* la sumo, duono *de* kokido ; ŝi utiligis por tiu laboro tri bobenojn *da* silko (silkon je kvanto da tri bobenoj), donu al mi la bobenon *de* silko, ne tiun *de* lano ; li vendis al mi tri pakaĵojn *da* tabako po 60 cmojn, li alportis al mi tri pakaĵojn *de* diverslandaj tabakoj.

Enfine oni ofte komprenas sendire vorton kvantan en diversaj esprimoj, kiel : manko (de sufiĉe) *da* spaco, premio (havante valoron) *da* 100 frankoj, (komparu : la premio *de* la konkurso). v. *de*.

**daktilo** frukto de -ujo *(phœnix dactylifera).*

**dalio** veg. *(dahlia variabilis).*

**damo 1e** nomo de diversaj ludoj, v. **ŝako, karto** | ĉe damludo, soldato kiu sukcesis atingi la lastan linion kontraŭan | **-ludo :** ludo kiun oni kondukas per markoj (soldatoj) unuformaj kaj dukoloraj sur speciala tabulo (damtabulo) dividita je 64 aŭ 100 kvadratoj alterne blankaj kaj nigraj | **2e damo aŭ damcervo :** mam. *(cervus dama).*

**danci 1** sin movi takte laŭ difinitaj reguloj, kun aŭ sen akompano de muziko = valso, polko, mazurko estas dancoj.

**dandi 1** afekti apartan elegantecon je manieroj kaj vestaĵo.

**danĝero** risko, ebleco de ia malbono ; timindaĵo.

**danki 2** konfesi ricevon de bonfaro ia kaj esprimi respondan senton al la bonfaranto = mi dankas al vi, *aŭ* vin pro tio ; danke ! ; sincera danko estas ŝatinda rekompenso ; mi sukcesis je tio dank'al vi, dank'al via helpo | komp : dank'al tiu okazo mi povis...

**dato** la nomo de l' monato kaj la numero de l' tago = kiun daton ni havas hodiaŭ ? - hodiaŭ estas la 23a (tago) de aprilo ; oni festos baldaŭ la datrevenon de mia naskiĝo ; kambion oni pagas je datfalo ; ne forgesu datumi vian leteron.

Antaŭ dato oni povas uzi prep. *en* aŭ *dum* : tio okazis en la dua de decembro ; Vaŝington estis naskita dum la dudek dua de februaro 1732. Plejofte oni uzas akuzativon sen prepozicio : la duan de decembro, la 22an de februaro. Enfine la nuna uzo tre ofte metas simple la numeron de la tago, tiun de la monato kaj la lastajn ciferojn de la jarnumero : 23/IV/05

**daturo** veg. *(datura stramonium).*

**daŭri** esti senhalte, seninterrompe = komenci, daŭri, ĉesi, estas la tri modoj de l'esto ; li daŭras paroli *aŭ* parolante ; lia malsano daŭris *dum tri jaroj* aŭ *tri jarojn*, (ĝi havas daŭron da tri jaroj) ; kiam li mortis, lia malsano daŭris jam *de* tri jaroj, (li estis malsana jam de tri jaroj) | **-igi :** estigi plue, ne ĉesigi = li daŭrigis mian laboron, tiu historio estas daŭrigota | **-o :** tempo mezurata : la daŭro *de* unu tago estas 24 horoj ; tiu laboro bezonas daŭron *da* tri tagoj ; ĝi havis la daŭron *de* rozo, tio havis daŭron *da* kelkaj sekundoj.

**de** prep. ; montras diversajn rilatojn :

1e foriro : iri *de* Parizo al Londono ; *de* la kapo ĝis piedoj ; veni *de* Rusujo ; la vento *de* l' nordo ; rigardi *de* malproksime.

2e simila senco rilate tempo ; fordaŭro = *de* nun (plue) ; *de* tiu tempo ; *de* eterne ; komencante *de* la tago kiam... ; en jaro mila *de* l'Enkarniĝo ; lia malsano daŭras *de* tri jaroj.

En tiuj sencoj estas sama diferenco inter *de* kaj *for.* kiel inter *ĝis* kaj *al.* Efektive, *for* kaj *al* montras simplan movon inter la subjekto kaj la objekto = salti *for* la bordo, salti *al* la bordo ; *de* kaj *ĝis* enhavas la tutan spacon aŭ tempon trairitan = *de* la kapo *ĝis* piedoj, de tiam ĝis hodiaŭ.

Kompare : *tuto kies la konsiderato estas parto* = la soldatoj *de* tiu regimento ; la sumo ; donu al mi peceton *de* tiu ĉi kuko — *kaŭzo, aŭtoro, komplemento de verboj pasivaj* = konsekvence *de* tio ; tio venas *de* la malbona edukado ; la sistemo *de* Kant ; amata *de* sia patro ; sin amigi *de* ĉiu ; naskiĝi *de* forta patrino ; la amo *de* Dio.

3e *de* utilas por kunligi vorton kun ĝia determinanto, ne aldonante specialan sencon, tiel ke oni povas ofte meti anstataŭ ĝi simplan adjektivon kvalitan = la lumo *de* l' suno (la suna lumo) ; felo *de* urso (ursa felo) ; moroj *de* mezepoko (mezepokaj moroj) ; povo *de* kreanto (kreanta povo) ; aŭ kunmetitan vorton = aro *de* arboj (arbaro) ; amaso *de* steloj (stelamaso) ; *de* granda indo (grand-inda) ; reĝido de Danlando (danlanda reĝido).

4e fine, *de* utilas por montri posedon, apartenon = la libro *de* Petro ; la filo *de* la najbaro.

En tiu lasta senco oni proponis uzi, anstataŭ *de*, dubiga kaj ofte maloportuna, italan prepozicion *di* Ekz : tiu kampo estas mia de la domo *di* Se A. ĝis la lageto *di* Se B. ; la tago de naskiĝo (naskiĝa tago) de la patrino *di* mia patro.

Kompone, *de* estas uzata nur en la unua senco = decentrokura, defali, deflugi, deflui, deiri, deruli, deveni — deartikigi, defroti, degenerigi, dehaki, dejeti, delogi, demeti, depreni, deteni, deteri, deturni.

v. *da, el. for.*

**debato** disputo (malofta).

**debeto** ŝuldo de konto (komerco) = skribu la sumon en mian debetkonton.

**debito** vendado = tiu ĉi komerĉaĵo havas facilan debiton (malofta).

**Neatendita malsaniĝo de l'Administranto de ESPERANTO devigas nin senkulpigi pri la malfrua apero de tiu numero, kaj ne permesas al ni promesi regulan eliradon de tiu-ĉi gazeto dum monato Decembro. Sed, ĉiuokaze dum Januaro ĝi eliros regule, kun sama aŭ alia Administranto. Se montriĝas bezone.**

